21. 10. 2002

1/2002

# Internacia Ĵurnalisto

cirkulero de Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)

# Granda intereso pri kunveno en Fortalezo

## Sed iom da embaraso por la gastoj

Mirige granda estis la intereso pri la TEĴA–kunveno dum la Universala Kongreso de Esperanto en Fortalezo: 27 personoj ĉeestis, el kiuj 6 estis membroj de nia asocio.

El la TEĴA–estraro partoprenis la kongreson prezidanto Stefan MAUL, sekretario YAMASAKI Seikô kaj estrarano Gilbert LEDON. Tiu ĉi bedaŭrinde, pro akcidento je la kruro, devis meze de la UK reiri hejmen kaj do ne povis ĉeesti la kunvenon de nia fakasocio dum vendredo, 9an de aŭgusto.

**Nur por informi gastojn**

Ĉar ĉeestis nur malmultaj membroj, sekretario kaj prezidanto interkonsentis, deklari la kunvenon nur „informa“. Do necesis nek tagordo nek aliaj formalaĵoj. Ambaŭ estraranoj informis la gastojn pri celoj kaj agado de TEĴA, sed ne prisilentis la problemojn de mankanta intereso de esperantistaj ĵurnalistoj pri nia fakasocio kaj ties servoj. Aliflanke pro la malgranda nombro de membroj, kiuj estas profesiaj ĵurnalistoj, stagnas ankaŭ la perkoresponda trejnkurso; mankas precipe docentoj, kiuj havus la bezonatan tempon.

La prezidanto atentigis krome pri kvazaŭ „inversa“ problemo de TEĴA: laŭ li mankas ankaŭ vera intereso pri ĝi flanke de UEA, kvankam ĝi oficiale fieras pri la fakasocioj. Li menciis konkretan ekzemplon: Jam antaŭ ĉ. 8 jaroj TEĴA, interkonsente kun UEA, kompilis dosierojn kun konsiloj kaj instrukcioj por gazetara servo kaj kongresa kuriero de UK kaj transdonis al la Centra Oficejo de UEA.

**Konsiloj tro malfruaj**

La intenco estis, ke UEA donu tiujn dosierojn al organizontoj de UK, ĝustatempe (do minimume unu jaron antaŭ okazigo de kongreso). Tio evidente ne okazis regule, plendis Maul. „Kiam mi vidis la unuan numeron de la kongresa kuriero de Fortalezo, mi tuj sciis, ke ankaŭ ĉi–foje oni ne faris,“ li diris. La ĉeestanta redaktoro de la kuriero konfirmis tion: oni jes donis al li la dosieron de TEĴA, sed nur la tagon de lia alveno en Fortalezo – tute klare, ke tro malfrue por profiti per la konsiloj.

Dum la posta vigla diskutado pluraj gastoj demandis precipe por ekscii pliajn detalojn pri TEĴA, sed kompreneble post tiaj klarigoj de estraranoj la homoj sentis iomajn embarasojn. La prezidanto do fermis la kunvenon pli frue ol antaŭvidite kaj „donacis“ al la kongresanoj 10 liberajn minutojn...

Stefan MAUL

Ne forĵetu la koverton!

Eble vi forgesis pagi vian kotizon por 2002...

Atentu la adres-etikedon! Detalojn vidu sur paĝo 2.

# La Bela Sonĝo...

## pri kongresa kuriero

La kongresa kuriero kun la iom longa nomo *La Bela Sonĝo de l' Omaro* (aludo al la emblemo de la federacia ŝtato Cearao kaj de la UK en Fortalezo, ĝuste omaro) havis la kutiman nivelon, do ne nepre estis tia, kia dezirus havi ĝin TEĴA. Aparte eŭropaj kongresanoj ĉi–foje sentis la mankon de rubriko kun ĝeneralaj informetoj el la mondo, ĉar dum la UK–semajno en Eŭropo okazis teruraj indundoj, kiuj trafis nelaste ankaŭ la hejmojn de pluraj kongresanoj. Pri tio ili eksciis nur pli–malpli hazarde per aliaj fontoj. (Sed anoncoj pri la kunveno de TADEN, la faka asocio de ne–fumantoj, aperis en preskaŭ ĉiu numero de l' kongresa kuriero – fine ankaŭ raporto pri la okazinta kunveno de TADEN...)
Amaskomunikiloj en Fortalezo raportis relative multe pri la UK; en diversaj gazetoj aperis pluraj bonaj artikoloj, ankaŭ en lokaj televid–programoj oni informis pri la kongreso. Laŭ tio ŝajnas, ke gazetara servo de l' UK funkciis bone.

sm

KOLOFONO

*Internacia Ĵurnalisto*
cirkulero de
Tutmonda Esperantista Ĵurnalista Asocio (TEĴA)
aperas maksimume 4foje jare

Redakcio: Stefan Maul, Pferseer Str. 15, DE-86150 Augsburg, Germanio; retadreso: smaul86150@aol.com
Redaktofino de tiu ĉi numero: 10 okt 2002
Artikoloj signitaj prezentas la personan opinion de l' aŭtoroj kaj ne nepre kongruas kun la opinio de l' redakcio.

Administrado: Flandra Esperanto-Ligo (FEL), Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen, Belgio
Verantwoordelijke uitgever: Paul Peeraerts, Frankrijklei 140, B-2000 Antwerpen

**Estraro de TEĴA:**
Prezidanto: Stefan MAUL (adreso supre)
Vicprezidanto: Paul GUBBINS, 3 Arden Court, Mossley, Congleton, Cheshire CW12 3JH, Britio; retadreso: 100103.3317@compuserve.com
Sekretario/kasisto: YAMASAKI Seikô, Higasi Koigakubo 3-18-12, Kokubunzi, JP-185-0014 Tôkyô, Japanio; retadreso: syama@dokkyo.ac.jp
Estrarano: Gilbert LEDON

Arbitracia komisiono: István ERTL, Andrzej PETTYN, László SZILVASI
Laborkomisiono pri trejnado de ĵurnalistoj: estro Paul GUBBINS (adreso supre)
Laborkomisiono de radioĵurnalistoj: Andrzej PETTYN

Landaj sekcioj en Bulgario, Japanio, Pollando kaj Ruslando

Membrokotizo: 10 eŭroj jare (B-landoj 2,50 EUR). Pagu al konto tejh-u ĉe FEL (adreso supre) aŭ al UEA-konto de TEĴA: ttmj-f.

# Kasraporto

| FEL–konto | (EUR) |
|---|---|
| Saldo 2000 06 30 | 1 262,72 |
| (raportita en IĴ 2/2000) | |
| Enspezo | 345,00 |
| Elspezo | 57,33 |
| Saldo 2001 06 30 | 1 550,39 |
| Enspezo | 162,50 |
| Elspezo | 44,79 |
| **Saldo 2002 06 30** | **1 668,10** |

Rimarkoj:

1. UEA–konto estas malgranda kaj ĝirata regule al FEL–konto, tiel ke nia financa stato ĝuste speguliĝas en la FEL–konto.

2. Ni kapablas eldoni la bultenon regule, nur manuskriptoj mankas, kiel Stefan Maul plendas. Ni atendas kontribuojn de la membroj.

3. Kiel montras la partopreno en nia fakkunsido kadre de UK, intereso pri nia organizo estas vigla. Nia rolo kiel porparolanto de profesiaj kaj neprofesiaj ĵurnalistoj justigas nian ekziston.

Via Sekretario–Kasisto

# Ni funebras

La 19an de Julio forpasis ukraina esperantisto aktiva de 1961, fotoĵurnalisto, eldonisto, kunfondinto de Ukrainia E–Asocio (1989) kaj ĝia sponsoro, individua membro de UEA, de TEĴA, de Ukrainia Ĵurnalista Asocio – **Vasil Stanoviĉ** (1940–2002). En sia E–eldonejo „Bona Koro“ li renaskigis aperon de E–almanako *Ukraina Stelo*, aperigis Ukrainan–Esperantan vortareton (kunaŭtoris ĝin). En Ukrainio kaj Esperantio li estis konata pro siaj multaj fotoekspozicioj.
Ĉesis bati bona koro.

Viktor Pajuk

# Demokratio malfacila

En artikolo por *Monato* Christian FABOSSOU raportas pri problemoj kaj restriktoj, kiujn suferas ĵurnalistoj en Benino, post kiam la afrika lando en la 1990aj jaroj enkondukis demokratajn strukturojn (post periodo diktatura). Leĝoj minacas ĵurnalistojn pro ofendado kaj kalumnio, kiujn povus facile aserti ŝtatestro kaj ministroj – ne la atakataj politikistoj devas pruvi senkulpecon, sed ĵurnalistoj pruvu ke ili pravas; se ne, ili riskas terure grandajn monpunojn aŭ karceron multjaran.
Tia restrikto de ĵurnalista libereco ŝajne estas kutima en ŝtatoj post transiro de diktaturo al „demokratio“. Amaskomunikiloj, kiuj kritikas regantojn, riskas persekutojn – ĝis murdo. En Rusio prezidanto Putin ordinare agas pli elegante: la („demokrata“!) registaro persekutas amaskomunikilojn per procesoj pro onidiraj impost–deliktoj. Tiel oni silentigis gazetojn kaj televid–kanalojn, kiuj kritikis ekz. la militon en Ĉeĉenio. Nun en Rusio amaskomunikiloj, kiuj ne subtenas lian politikon, estas esceptoj. sm

## Ne forgesu pagi!

Vi trovas sur la adres–etikedo malantaŭ via nomo kvarciferan aldonon; tiu indikas la jaron de via lasta kotizpago, do 2000 ekz. signifas, ke tiun jaron vi pagis, sed poste ne plu. Por renovigi vian membrecon, pagu al unu el niaj kontoj indikitaj en la kolofono. La kasisto anticipe petas pardonon pro eventualaj eraroj pri kotiz–pagoj; kiu trovis eraron, bonvolu informi la kasiston, prefere kun dato kaj konto de la pago.